# Konstru-Forumo 1

## Februaro 2005

**Jan Werner, Dřínová 18, CZ-61200 BRNO**

**La invito el la 9-a de januaro 2005**

La alvokon mi sendis al 14 konstrufakaj kolegoj, informe mi ĝin sendis ankaŭ al la sekretario de TAKE, s-ro Edmond Ludwig (FR) kaj al la nova akademiano, s-ro Marc Bavant (FR), kiu en la Akademio de Esperanto akceptis la taskon zorgi pri „teknika vortaro“.

La inviton respondis sume 8 kolegoj, el ili unu rifuzis la partoprenon kaj du promesis nur artikolon por la Jarkolekto de TAKE 2005, ne akceptis la kunlaboron en la Konstru-Forumo. Unu nerespondinta invitito promesis al mi artikolon jam novembre 2004. Pere de TAKE nove aliĝis fakulo el la ĉina ĉefurbo Pekino.

Ĝuste hodiaŭ (2005-02-18) venis Cirkulero „LA DOMO“, datita 2005-02-05, kiu prezentas al la TAKE-membroj mian inviton el la 9-a de januaro. Povas do okazi, ke ankoraŭ iu aliĝos por la dezirata aktivado (artikolo, konstru-forumo).

Nun mi iom citos el la ricevitaj respondoj je la „Invito“:

Marc Bavant: …*Kun kunsento mi legis vian nigran konstaton pri la nuna situacio. Mi ne estas multe pli optimisma ol vi, sed mi evitas vortigi mian pesimismon, ĉar kutime tio ne spronas homojn al aktivado. - Koncerne la Akademion mi diros nur, ke, post kelkaj monatoj mi intencas veki la Sekcion pri teknika vortaro, al kies direktora posteno mi estis ĵus elektita. Mi ankoraux ne scias, kiamaniere mi procedos, sed la unuaj taskoj estos supozeble reklami en la gazetaro kaj malfermi retan diskutliston, en kiu partoprenu akademianoj kaj fakuloj. Mi ne havas grandajn esperojn pri la sukceso de tia diskutlisto, aux pri la valoro de la tie farebla laboro, sed bona surprizo povas okazi…*

Prof. Ottó Haszpra (ankaŭ nova akademiano) pledas por subteni ISAE kaj ĝian gazeton „Scienca Revuo“: …*Via oferto estas tre bela, sed ni devus trovi junan homon kaj doni al li la ambician taskon, por vivteni la centjaran SR kiel helpa, poste ĉefa redaktoro, ja nia kara amiko Rüdiger Sachs, jam eble 79-jara, plenumas por si jam tro grandajn taskon kaj laboron kaj ne povos tion daŭrigi tro longe…* Mi aldonas, ke subteno de ISAE estas grava afero por ĉiuj fakuloj. Domaĝe, ke ISAE-anoj mem ne zorgas pli pri sia meritplena organizaĵo.

En la „Invito“, krom la historia supervido de pluraj fakaj iniciatoj, mi prezentis tri temojn:

a) Artikolo por la JARKOLEKTO de TAKE 2005.
b) Konsulta kunlaboro kadre de la libera Konstru-Forumo.
c) Opini-sondo rilate al la nomindiko KOMPOZITO.

**JARKOLEKTO de TAKE 2005**

Jen la aktuala stato de aŭtoroj kaj temoj (laŭ la alfabeta ordo de aŭtoroj):

1. R. Bouchet (FR) – Temo: Ŝtalaj strukturoj. Preciza titolo ne sciigita.
2. S. Chengru (CN) – Temo: Beijing fiksis la regionan planon.
3. B. Ĉupin (RU) – Temon li ankoraŭ ne elektis.
4. O. Haszpra (HU) – Temon el akvomastruma konstruado li elektos post majo 2005.
5. H. Hoffmann (DE) – Temo: Specoj de trakforkoj.
6. C. Longue Épée (FR) – Temo pri konstruado de francaj sukerfabrikoj.
7. F. van Mook (NL) – Temo: Strukturo kaj interpreto (koncepto) de la nederlanda regularo pri minimumaj teknikaj kvalitoj de konstruaĵoj.
8. D. Obradović (SI) – Temo el la sfero de betono aŭ ŝtalbetonaj strukturoj.
9. J. Trojan (CZ) – Temo (provizore): Familia domo muntebla el lignaj moduloj.
10. J. Werner (CZ) – Temo: Ŝtuparo – spaco kaj formo.

La tempolimo favoranta mian editoran laboron (i.a. okazan konsulton kun la aŭtoroj) estas 2005-06-30. Kiu deziros sian temon prilabori en someraj monatoj, klopodu forsendi la artikolon antaŭ la fino de aŭgusti 2005. Kiam vi decidos pri titolo de via artikolo, bovolu min informi. Mi preferas alsendon pere de ret-poŝto, por ke mi ne devu la tekston tajpi.
Se vi verkante renkontos terminan problemon, turnu vin je mi, mi provos helpi. Al vi, kiuj pozitive reagis je mia invito, mi sincere dankas.

**Konstru-Forumo**

Mi estis ĝojigita, ke almenaŭ kelkaj respondintoj estas komplezaj laŭbezone esprimi sian opinion al aktualaj terminaj problemoj. Ĉiu el vi povas surtabligi problemon, kiun vi bezonas solvi. Informu min pri ĝi kaj mi la problemon konsulte anoncos al ĉiuj ceteraj membroj de la forumo ĉu letere, ĉu pere de la cirkulero. La forumon ankaŭ mi bezonas, ĉar mi prilaboras konstrufakan kaj arkitekturan tradukan vortaron en kvar lingvoj: Esperanta-angla-germana-ĉeĥa. Miascie konstrufakan vortaron prilaboras ankaŭ Bronislav Ĉupin, kiu povos la forumon utiligi. Por la konsulta forumo aliĝis kvin personoj (informu min, ĉu vi konsentas, ke mi liveru viajn kontakt-adresojn al la ceteraj membroj de la kolektivo): B. Ĉupin (RU), F. van Mook (NL), D. Obradović (SI), J. Trojan (CZ) kaj J. Werner (CZ). Kelkaj el vi ne esprimis vin klare, ĉu vi bonvolas partopreni la konsultan prifakan kaj faklingvan agadon. Kiu komplezas kunlabori, anoncu vi. Informu min pri konstrufakuloj kaj arkitektoj, kiuj ne estas de mi menciitaj, mi alparolos ilin. Estas dezirinde havi inter ni ankaŭ metiistojn, kiuj kunlaboras en la konstrua procedo.

**Kompozito**

La specimene prezentita problemo portis nomon „kompozito“. Juĝante laŭ viaj reagoj, la teksto pri ĝi estis senprobleme komprenata kaj akceptata. Mi mencias kelkajn reagojn:

O. Haszpra: *Mi notas, ke la vorto „kompozit“ estas uzata ankaŭ en la hungara.* – F. van Mook: *Mi akceptas la terminon kompozito. Nederlande: Composiet (plej ofte en pluralo – composieten. Sed mi demandas min, ĉu nepre temas pri artefarita materialo. Ĉu en naturo oni ne trovas kompozitojn, ekz. en rokoj?* Mi ne scias, mi devus demandi ekz. geologon. – B. Ĉupin: *Mi longe meditis pri la nocio „kompozito“, esperante trovi alian vorton. Ne trovinte tiun, mi decidis konsenti kun la proponita de vi.* – C. Longue Épée ne kontraŭstaras la proponitan terminon „kompozito“.

Rezulto: Havonte okazon, ni do uzu la nomon de la koncerna nocio kiel terminon. Ni komuniku ĝin al vortaristoj.

**Nova temo: Ŝpalo ne estas nur relvojkonstrua termino**

Mi bezonas traduki ĉeĥlingvan terminon „*ližina*“, iukaze en la formo „*ležina*“. Alilingvaj ekvivalentoj estas:

*en: ledger, skid, runner,*
*de: Streiche, Streichstange, Langschwelle, Langbaum, Pfette* (ankaŭ kiel patno),
*ru: лежень [leĵen'], продольная связ [prodol'naja svjaz'],*
*pl: płoza.*

Mi supozas, ke la ekvivalentoj ne estas netaj ekvivalentoj, ke estas necese ilin nocie analizi, sed por tio mi bezonas helpon. Unue mi provos analizi la ĉeĥlinvan terminon „ližina“, kiu prezentas pli ol unu signifon:

a) Seneĝaj lignaj trabetoj aŭ diloj (kutime segitaj nur supre kaj sube, flanke rondaj) destinitaj por fiksi pozicion kaj sekurigi iaman (historian) lignan skafaldon.
b) Seneĝaj lignaj trabetoj de historiaj lignaj plankoj, metitaj en ŝutaĵon kaj subtenantaj lignajn plankotabulojn en distancoj ĉirkaŭ 50 cm – germane *Polster*, *Polsterholz,* ĉeĥe ankaŭ *polštář*.
c) Lignaj traboj, kutime ankaŭ nur duflanke segitaj (seneĝaj, flanke rondaj), metataj sur terenon sub pezajn ŝarĝojn.

d) Paro de traboj surtere, interligitaj aŭ ne, lignaj aŭ ŝtalaj, formantaj glit-trakon por loka transporto de pezaj ŝarĝoj (trenataj).
e) Suba parto de glitsledo, sur kiu en doko estas glitigata finkonstruita ŝipo sur akvonivelon.
f) Horizontala trabo de lignodomoj sur la sistemo de vandofostoj senpere sub solivoj de etaĝo aŭ de subtegmenta tekto. La trabo transprenas ŝarĝoforton de la sur ĝi kuŝanta tekto inkl. de planko kaj utila ŝarĝo. Sur la solivoj, en la sama pozicio kiel vandoj, situas sojloj kiel parto de plua etaĝo aŭ kiel parto de tegmenta ĉarpentaĵo. (Venonte mi almetos bildon de la sistemo).

Laŭeble mi provas eviti neologismon ĉiam, se tio eblas. Mi serĉis vorton ekzistantan, kiu signifus elementon tridimensian kun dominanta longo, kiu estas unuavice ligna, sed certaokaze ankaŭ el alia materialo, ekz. ŝtalo. Tian mi trovis sub la formo „ŝpalo‘. Ni konas ĝin precipe kiel parton de relvojo, fervoja trako. Sed en NPIV ĝia unua signifo estas eksplikita kiel: „Horizontala trabo el ligno aŭ alia materialo, servanta por kunligi du aliajn pecojn, interkiuj ĝi tenas konstantan distancon.“ Bedaŭrinde la postmetitaj ekzemploj kongruas kun mia imago de ŝpalo nur parte, sed por la supra elnombro a) – f) miaopinie ŝpalo konvenas. Mi rezonas, ke neniu logika argumento povas limigi la kunligon nur al du pecoj. Horizontaleco estu komprenata kiel nedeviga aŭ proksimuma. Ŝpalo aperas en la germana nomo *Langschwelle*. Mi ankoraŭ mencias etimologion de la ĉeĥa vorto *ližina* kaj precipe de *ležina*. Ilia radiko estas *„lež“* [leĵ], kiu signifas „kuŝi‘. La dua parto de la vorto estas sufikso *„–ina“*, analogia al la esperanta –aĵ. La ĉeĥlingva *ležina* do kuŝas sur io, sur tereno, sur planko, supre sur vando k.s. Mi do ĝenerale proponas uzi en la prezentitaj „preskaŭsinonimoj“, ĝenerale, ŝpalo. Laŭnecese oni povus pli precize determini: planka ŝpalo (b), glitŝpalo (d, e), se necese, oni povus diri longŝpalo, kverŝpalo.

Ĉu vi povas trovi en via gepatra lingvo terminojn por la nocioj de mi prezentitaj sub la punktoj a) - f)? Kiu estas via starpunkto koncerne mian proponon ŝpalo? Ĉu vi havas alian proponon? Mi petas respondon en la tempo, kiun decidu vi mem.

- - - -

Brunno / Brno 2005-02-19
Jan Werner